




**4/**

**1997** Junio/Julio

**Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a., Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg, tel. + fakso: +49 40 250 30 65**

Redaktoro: Benno Klehr, Oelckersallee 31, D-22769 Hamburg, Tel. (040) 43 51 97

**Redaktofino de n-ro 4/1997: 14-09-97**

---




## Nova adreso por *Du und Deine Welt,* la granda ekspozicio en Hamburg 29.8.-7.9.97

La strato apud la ekspoziciaj haloj en Hamburg, kie ankaux la Hamburgaj Esperanto-grupoj partoprenas en la ekspozicioj *Weiterbildung* kaj *Du und Deine Welt,* ek de kelkaj semajnoj nomigxas laux la gxemelurbo: *St. Petersburger Straße.* Tuj flanke trovigxas la nomo de alia gxemelurbo en *Marseiller Straße.* (al stacio *Dammtor*). BK

---

**Sentenco**

Ekzistas du aferoj,
kiuj estas senfinaj:
La universo kaj la stulteco.
Rilate al la universo
mi ne estas tute certa.
laux Albert Einstein

---

**Karaj legantoj,**
**baldaux denove okazos la granda ekspozicio "Du und Deine Welt" (29.8.-7.9.). HES partoprenos per stando en halo 4, stando 4034. Se vi havbas tempon, vizitu nin kaj eble iom helpu, prezenti nian aferon al la publiko aux helpu per mondonaco.**
**Dankon!**
**Benno Klehr**

---

## Enhavo



---

## Festo de Euxropanoj 1997

Dum la semajnfino de 26a kaj 27a de Aprilo 1997 sur la urbodoma placo en Hamburg HES arangxis informstandon pri Esperanto. Multaj interesitoj el diversaj Euxropaj landoj kaj ecx el aliaj kontinentoj petis informojn.
La konscio pri la lingvaj problemoj en Euxropokaj speciale en Euxropa Unio sxajnas farigxi pli granda ol en antauxaj jaroj. Esperano-amikoj el Bosnio, Japanio, Koreio, Ruslando, Svislando kaj Togolando, Malsupra Saksio kaj Sxlesvig-Holstinio vizitis nian standon kaj subtenis nian laboron.

Enhavo

---

## Impresoj el la Euxrop-Unia Esperanto-Kongreso

La kongreso okazis de la 16-a gxis la 19a de Majo 1997 en Stuttgart. Partoprenis pli ol 400 personoj, inter ili pli ol 170 Germanoj.
Al Hamburgo vinis 8. La partoprenintoj ne nur venis el landoj kiuj apartenas al la Euxrop-Unio, sed ankaux el aliaj Euxropaj landoj kaj ecx el Hindio kaj Ganao. La programo de la

kongreso konsistis el diversaj prelegoj kaj fakaj kunsidoj de diversaj grupoj.
La jarcxefkunveno de GEA okazis dimancxon. *D-ro Linkohr,* Euxropa parlamentano, kaj *s-ro Cwik,* membro de la Euxropa Komisiono akceptis la inviton de la kongresa komitato.
Mi cxi-tie nur volas mencii kelkajn prelegojn: *D-ro Linkohr* prelegis pri la pligrandigxo de la Euxrop-Unio al oriento. La prelego estis German-lingva kaj tradukita en Esperanton. La diskuto kiu sekvis la prelegon estis en Eperanto kaj tradukita simultane.
*S-ro Cwik* respondis al demandoj pri la valut-unio.
Okazis ankaux interesa kaj vigla diskuto sub la titolo "Euxrope - kien vi?". Dum cxi-tiu diskuto oni ankaux parolis pri la lingvaj problemoj en Euxropo, sed sen rezulto. La prelegantoj estis impresitaj pro la viglaj kaj kompetentaj diskutoj.
*D-ro Bormann* prelegis pri al Akademio kaj respondis al lingvaj demandoj.
La prelegoj estis vere interesaj. Tuj post la prelegoj kaj diskutoj, ili estis haveblaj sur auxdo-kasedoj.
Ankaux libro-servo estis je dispono dum la kongreso.
La distra programo konsistis dum la lagoj el diversaj gviditaj ekskursoj. Multaj kongresanoj profitis de la varmega kaj bela vetero por partopreni en la ofertitaj ekskursoj. Mi konstatis ke kelkaj kongresanoj nur partoprenis en ekskursoj kaj fakaj kunsidoj.
Vendredon vespere okazis la interkona vespero. *Thomas Bormann* gvidis tra la vespero. Oni ludis muzikon kaj skecxojn por ni.
Dimancxon la teatra grupo "Kia Koincido" ludis "La Kalvan Kantistinon". Tio tre placxis al mi kaj ankaux al la aliaj.
La kongreso estis tre bone organizita.
Dum la kongreso aperis artikoloj es diversaj gazetoj kaj radio-elsendoj pri Esperanto.
Pia Haasis

Enhavo

---

**Programo de HES**

Klubejo malfermita Jxauxde ekde18:30. Mangxoj: 19:00 - 19:30. Programo: 20:00.
GIS: kunvenoj lauxbezone; informoj: Tel. (040) 58 71 82 aux 738 45 08.

**1997-08-07**
*Revenintoj*
raportas pri la Universalo Kongreso de Esperanto 1997 en Adelaido/Auxstralio

**1997-08-14**
*Pia Haasis:*
Kubaj fabeloj
(Ne kubismaj sed Kubanaj) red.

**1997-08-21**
*Werner Bormann:*
Turnopunktoj en la historio de Esperanto en Germanio

**1997-08-28**
*Sylwia Pömann:*
La Internacia Junulara Kongreso en Essisi/Italio

**1997-09-04**
*Hella Lanka:*

Videofilmo en Esperanto pri la Svisa Polico

**1997-09-09 MARDO!**
*José Carlos Cintra:*
Esperantistoj en suda Ameriko

**1997-09-11**
Klubejo fermita pro la klubvespero Marde!

**1997-09-18**
*Thomas Bormann:*
Raporto pri Uzbekio (kun lumbildoj)

**1997-09-25**
*Hella Lanka:*
Internacia Polica Kongreso en Italio (kun lumbildoj)

Enhavo

---

**Australio**
En Hamburg du formikoj stagxis,
Al Auxstralio ekvojagxis.
En Àltona sur la sxose'
doloris jam la gamboj - ve!
Rezignis ili do en sagxo
pri la resto de l' vojagxo.

(Ne nepre pri la UK en Auxstralio, sed pri malfacilajxoj de vojagxo. Laux *Ringelnatz*.)

Enhavo

---

**Solvo de la pasinta enigmo**

A M E O K A P U C O P R U N
V U L T U R E M I R O A N O
A R C O K A R E O S A U C O
R M E M O R I R I A L T O R
E U R B L E K I E T I O E L
G R P R E S A D O U R I N O
A D I A U T R I F R E S A V
L A M I R I P A R E J O M I
O M O N O T O N I O O F I C
K A R A P A C O D A D O G O
O O O D O R I B A T E R I O

Enhavo

---

Esprimo de L. Zamenhof:
FOR de l' okulo - FOR de la koro!
"AUS DEN AUGEN-AUS DEM SINN!"

## ESPERANTO KAJ POLICO.

En la mondo ekzistas ek de la jaro 1955 la INTERNACIA POLICA ASOCIO - IPA -, la plej granda unuigxo de 280.000 gepolicistoj el 59 sxtatoj.
La fondinto estis la Esperantisto kaj angla policisto Arthur TROOP el Lincolnshire, kiu donis al la asocio la konatan emblemon "SERVO PER AMIKECO" (Dienst durch Freundschaft) kune kun la terglobo. Krome ili fondis la UEA-fakan polican grupon kiel fakdelegito. La celo estas, flegi la amikajn rilatojn kaj helpi reciproke al gepolicistoj, plibonigi la rilatojn inter la civitanoj kaj la polico, organizi studvojagxojn, kongresojn, estimi la toleremon inter la popoloj por pli bona interkomprenigxo kaj sekuri la pacon en la mondo. Nuntempe estas la internacia prezidanto s-ro Armand Jaminet el Luksemburgo, la vicprezidantoj estas el Israel, Zypern, Auxstrio, la afergvidantoj el Britio, San Marino kaj Svisujo. La monda IPA-kongreso estis cxijare en Quebec, venontjare en Grekujo. La germana prezidanto el Goslar gvidas 55.000 membrojn. La Hamburga IPA-grupo sub gvidado de s-ro Horst Hoeft havas 500 membrojn kaj propran IPA-domon kun hotelcxambroj en Volksdorf. En Germanujo ekzistas 23 IPA-domoj kaj 31 feriaj domoj aux logxejoj. En la UEA-jarlibro restas diversaj fakdelegitoj por polico. Nia iama honora prezidanto August WEIDE kunlaboris tuj en la komenco (1955) kun la Internacia Polica Asocio, starigis Hamburgan polican grupon, instruis pli ol 150 gepolicistojn en Esperanto gxis la ekzamenoj. Kun la subteno de la iama polica prezidanto Bruno Georges, ricevis la ekzamenitaj gepolicistoj 1950 la verdan rubandon kun Esperanto kiel interpretistoj sur la blua polica uniformvesto. Al ili apartenis/as niaj HES-membroj August Weide, Heinrich Wielgus, Horst Schickschneit, Hella Lanka, Hans Wolpers, Flemming, Wortmann, Welf Toissaint, Georg Dahl kaj aliaj. Ni oficiale gvidis multegajn skandinaviajn kaj francajn busveturantojn tra Hamburgo, al la polica kazerno, hoteloj, kampadejoj, organizis kunvenojn ecx kongresojn. Polic-superkonsilisto August WEIDE, kies 92-jara datreveno la 8-an de Julio estus okazinta, estis longjara instruisto de la "Cseh"-metodo ne nur en Hamburgo, sed ankaux en Nederlando, Danio, Brazilo ktp, krome li estis longjara prezidanto de H.E.S. Nia konata Henriko WIELGUS ankaux estis prezidanto, sekretario kaj kongresorganizinto, ecx kunfondinto de la Esperanto-domo. Georg DAHL ludis en la teatra grupo "salitaj haringoj". Horst SCHICKSCHNEIT gvidis la popoldancadon en la Hanse-seminario ein Bäk. Hella LANKA laboris kiel instruistino en la polica kazerno ankaux en Esperanto, same en la klubejo, kunorganizis 1974 la Universalan Kongreson en Hamburgo, estas jam ekde 50 jaroj membro de HES kaj dum 8 jaroj HES-kasistino gxis '96.
Do vi povas konstati, ke multaj gepolicistoj sukcesplene laboris en la Hamburga Esperanto-movado. Kiu nun riskas diri post tiu.cxi raporto, ke li aux sxi ne volas kontakti kun la polico? ("Mit der Polizei will ich nichts zu tun haben"). En nia Hamburga Esperanto-Societo tiu esprimo maltrafas la meritojn de la Esperanto-policistoj, kiujn ni ne volas forgesi.

Hella Lanka

Enhavo

---

**Invito al Jubileo**

**1902 - 95 jaroj Esperanto en Kijlo - 1997**

**Jubileo 95 jaroj Esperanto ein Kijlo**

kaj

Inauxguro
**Biblioteko Esperanto-Kijlo**




**5-a gxis 7-a de Septembro 1997**

Vendredo, 5.9.97
19.00 Komuna vespermangxo
20.00 Prelego pri la historio de Esperanto en Kijlo
21.00 Interkona babilado
Sabato, 6.9.97
10.00 Sxipekskurso
19.00 Prelego de *José Carlos A. Cintra* pri Utilo de Eperanto
20.00 Geedzigxmangxo de *Sabine* kaj *Christian*
Loko: Alte Räucherei, Julienstraße 11, 24148 Kiel, Tel: 72 11 13

Kostoj: Programo 70 DM, 2 tranoktoj ek de 70 DM,
mendu cxe Sabine Meyer aux Christian Darbellay, Johannesstraße 54, 24143 Kiel, Tel (0431) 73 77 88, resp. el eksterlando +49 431/73 77 88.

Enhavo

---

**Malmö invitas al**
**Kulturaj kaj turismaj tagoj**

Suda distrikto de Sveda Esperanto-Federacio
invitas al
Kulturaj kaj turismaj tagoj en Malmö
12 - 14 septembro 1997.

Kostoj:
(2 noktoj kun matenmangxo)
en trilita cxambro SEK 220,--
en dulita cxambro SEK 300,--
en unulita cxambro SEK 540,--

Aligxu cxe: Gertrud Lund
Falkmansgatan 7 B
SE-21762 Malmö

Enhavo

---

**Landa Kunveno 1997**
Meklenburgio-Antauxpomerio
**6a de Septembro en Schwerin**
Temo: Pripensado pri ni

Tempo: 9.30 h gxis 17.00 h
Loko: Domo de la Kulturligo
Mecklenburgstraße 2, proksime de la lago Pfaffenteich.

Temo: Kion ni iam faris pli bone, kion ni ne faris, kvankam estus grave, kiel prezentigxi al lapubliko, kion fari por ne maltrafi la trajnon al unuigxinta Euxropo.

Flanka programo: Urborigardo

Enhavo

---

**Stranga benzinejo: la solvo**
En la pasinta (antauxpasinta, FM) eldono de Esperanto Hamburg mi raportis pri benzinejo, kie oni ne plu vendis benzinon. Intertempe montrigxis la kauxzo:
Kiam apude estis finkonstruita nova granda benzinejo, la skipo de la benzinejo transiris tien kaj nun laboras tie. Do, la solvo estas tute simpla: Ili nur atendis en la malnova loko gxis la pretigxo de la nova.
BK

Enhavo

---

**Ni gratulas al Sabine Meyer kaj Christian Darbellay**
okaze de ilia geedzigxo.

Bedauxrinde la dato ne estas konata (9.7.97, FM), de tiu speciala tago, kiam ili trovis - inter la loka laboro, starigo de biblioteko, organizado de jubilea kunveno kaj vojagxo al kongreso - duonhoron libera por geedzigxi.

La Estraro kaj membroj de Hamburga Esperanto-Societo

Enhavo

---

**Kolzo-Metil-Estero**
estas la teknika termino por tiu dizel oleo, kiu estas farita el kolzo, en Germanio tre konata kaj tradicie kulturata planto.
Antaux unu jaro nur ekzistis unu benzinejo en Hamburg, kiu vendis *Bio-Diesel,*
nun estas jam ses.
Eblas uzi gxin en dizelmotoroj sen teknikaj sxangxoj.
BK

Enhavo
Re al la cxefpagxo